


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2010.1**

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Redaktora raporto

**Kara Legantaro!**

Ekde la numero 4 de la jaro 1998, el Erna HAUGE, mi transprenis la redaktoran oficon, kiun ŝi kompetente kaj diligente prizorgis. Memoru, depost majo 1974 ŝi direktis sian atenton al la tajpado de nia revuo kaj ekde julio 1995, ŝi oficiale fariĝis redaktoro transprenante la postenon de Guy DELAQUAISE kaj sekve de E.Henning OLSEN. Ni ŝuldas al ŝi kaj al ĉiuj miaj antaŭuloj la gravan respondecon konservi la memoron de nia historio. Ke ili estu dankataj.

Nun estas mia vico forlasi mian funkcion. Samtempe kun kelkaj estraro-kolegoj venas la momento transmeti la bastoneton al aliaj bonvolemuloj por ke nia agado daŭre enskribiĝu en la marmoro de nia agado.

Dum mia oficperiodo, helpata de nia revizoro Albert Gestin, kiu zorgeme, faras la revuon kiel eble plej pura, mi provis akurate liveri nian dumonatan organon. En la jaro 2009, dank'al vi, karaj Verkantoj, mi sukcesis presigi 6 numerojn kun entute 112 paĝoj. La temo de viaj verkaĵoj bone taŭgis al la celo de nia revuo. La interesataj artikoloj ligas ĉiujn IFEF-anojn disvastigante la enlandajn informojn al ĉiu unuopulo.

Kompreneble la revuo ne havus sencon sen niaj kutimaj legantoj, al kiuj, kaptante la okazon, ***je la nomo de la IFEF-estraro, mi deziras bonan novan jaron al ĉiuj.***

Kaj nun ek al la 62[a] Internacia Fervojista Esperanto Kongreso, la Lokaj Kongresaj Komitatanoj atendas vian tujan aliĝilon. Venu, partoprenu, malkovru la intiman etoson de Bulgario !

**Frontpaĝe.** Kolekto da fervojfakaj kajeroj. Neregulaj informiloj pri fakaj aferoj. Ĝis 2009 aperis 17 kajeroj kun entute 110 artikoloj.

## Enhavo




# Nia venonta 62-a IFEF-kongreso en Sofio (Bulgario)

**SOFIO – DE LA ANTIKVECO ĜIS HODIAŬ**

Sofio situas en la samnoma kampo ĉirkaŭ 550 m-ojn alta sur teritorio de 1311 km2. Laŭ la supermara alto ĝi okupas la 14-an lokon inter la ĉefurboj de Eŭropo.

Sofio estas urbo 7 000 jaraĝa, ununura en Eŭropo havantan tian antikvan pasintecon. En la centro de la urbo ĝis hodiaŭ oni trovis objektojn de la neolitika homo, restaĵojn de la ŝtona kaj bronza eraoj.

Sur la loko de la iama neolitika loĝloko dum la 8-a jarcento a.k. ĉirkaŭ la termofontoj (temperaturo de 21° C ĝis 42° C) aperas antikva traca urbo, konkerita de la romianoj kaj nomita poste Serdika-urbo de la serdoj, laŭ la nomo de la gento.




*Lokalizo de Sofio en Bulgario*

En la jaro 29 a.k., la romiaj legioj konkeris la urbon, nomitan dum la regado de Imperiestro Trajan (98 – 117 p.k.) Ulpia Serdika, centra urbo de la regiono. "Serdika estas mia Romio" la famaj vortoj de Imperiestro Konstantin Veliki (274 – 337 p.k., naskita en Niŝ) kiujn li prononcis se temis pri lia ŝatata urbo, la nuna bulgara ĉefurbo. Bedaŭrinde en Sofio ne fluas grandaj riveroj, kiel en ĉiuj gravaj eŭropaj urboj, ne troviĝas maro. Sed restas montaro Vitoŝa kaj mineralaj fontoj ; io ununura, per kio oni povas eklaŭdi ne nur Romion kaj ankaŭ Konstantinopolon – en Sofio troviĝas la palaco de Konstantin Veliki. Intence, la orienta kaj la okcidenta eklezioj glorigas lin kiel unu el la plej gravaj sanktuloj – "Sankta caro Konstantin kristaniganto".

Tie staris tiu imperiestra palaco en Sofio, kiu havis ne nur komuneŭropan sed ankaŭ mondan signifon ? Kompreneble ĝi troviĝas en la koro de la urbo.

Se vi eniras en malgrandan preĝejon “Sankta Nikolao” kaj ekrigardas maldekstren, vi vidos muron de la palaco de Konstantin. Ĉi tie loĝis la imperiestro, de tie li regis Imperion etendiĝantan de Hispanio ĝis Britio, de Egiptio ĝis nuna Irako. De ĉi tie, de Sofio li regis la tutan kulturan vivon, sen Ĉinio kaj sur iuj pli malgrandaj ŝtatoj en Azio.

En la jaro 809, la urbo eniris la limojn de la bulgara ŝtato kaj ricevis slavan nomon – Sredec. Ekde la komenco de la 15-a jarcento la lasta nomo de la urbo estas Sofio – laŭ la prakristana templo “Sankta Sofio” – “Supersaĝa Dio” (de pragreka lingvo). La devizo de la urbo “Kreskas, sed neniam maljuniĝas”.

En la fino de 15-a jarcento ĝis la 70-aj jaroj de la 19-a jarcento la urbo, kaj la bulgara ŝtato eltenas la turkan regadon. La turka registaro rapide ŝanĝas sian aspekton. La kristanajn templojn oni detruas, kaj konstruas turkajn administrajn konstruaĵojn, moskeojn, banejojn, komercajn centrojn. En daŭro de kvin jarcentoj de regado de la turka registaro, Sofio ŝanĝiĝas.

Dum la Renesanco kaj naciliberiga movado, la apostolo de la libereco Vasil Levski kreas ĉi tie revoluciajn komitatojn kaj Sofio iĝas centro de ribelo. Laŭ ironio de la sorto post lia kaptado li estis alkondukita en Sofion, juĝita kaj pendumita en 1873.

La armeo de Generalo Gurko liberigis Sofion la 4-an de januaro 1878. En la urbo loĝis nur 12 000 homoj, tamen oni proklamis ĝin ĉefurbo de Princelando Bulgario la 4-an de aprilo 1879.


*Bulvardo Vitoŝa en Sofio*

La reformoj en la politika vivo post la 9-a de septembro 1944 reflektiĝas sur la aspekto de Sofio. Konstruiĝas en urbanista kaj stalinisma stilo, la plej famaj la centra komplekso – Partia domo, hotelo “Balkan” kaj CUM (centra universala magazeno). Hodiaŭ tiu ĉi komplekso el konstruaĵoj havas pli diversan destinon. En la konstruaĵo de “Balkan” ek-



Katedralo Sankta Aleksandro Nevski

zemple instaliĝis hotelo de la fama hotelĉeno "Ŝeraton", kaj al ĝia daŭrigo Prezidentejo. CUM estis radikale rekonstruita kaj proksime al ĝi la Ministra Soveto. En la eksa cara palaco troviĝas la ekspozicio de la Nacia pentraĵ-galerio. Sofio iĝis la plej granda industria centro de la lando. En ĝi koncentr-iĝas sesono de la produktado, okono de la loĝantaro, la granda parto de la politika kaj kultura elito kaj ŝtata registaro. Hodiaŭa Sofio senĉese ŝanĝiĝas.

Pri la simboloj de Sofio aludas kelkaj konstruaĵoj kaj lokoj. Plej ofte tio estas la impona konstruaĵo de la katedrala templo-monumento "Sankta Aleksandro Nevski". La templo loĝigas centran patriarkan katedralon de la sendependa bulgara ortodoksa Eklezio. Ĝi estis finkonstruita en 1912 laŭ projekto de la rusa arĥitekto Pomerancev aprobita de la Unua granda popola parlamento. Ĝia areo egalas al 3170 kvadrataj metroj. La sonoril-turo altas 50.52 metrojn, kun la centra kupolo ornamita per orumaĵo. Sur la supro staras masiva ora kruco.

La kripto de la templo konservas kolekton da unikaĵoj de la bulgara ikonpentrarto.

Rimarkinda : la placo ĉirkaŭanta la templon, kie troviĝas la Monumento de la nekonata soldato kun eterna fajro, la subĉiela bazaro por nacikostumoj kaj la preĝejo "Sankta Sofio", datumanta de la IV-VI-aj jarcentoj kiu donas sian nomon al la ĉefurbo. (VI-a jarcento). En la fino de la 16-a jarcento




*Arkeologia muzeo en Sofio*

mallongdaŭre ĝi funkciis kiel moskeo, sed baldaŭ post la Liberigo estis sanktigita kiel Ortodoksa preĝejo. Hodiaŭ la restaŭrigita preĝejo estas malfermita por la vizitantoj. Bedaŭrinde granda parto de la freskoj jam ne plu ekzistas, sed iujn rarajn ikonojn oni konservis.

Oriente de tiu placo, la konstruaĵo de la fondaĵo de la "Sanktaj Kirilo kaj Metodo" gastigas la Nacian Galerion pri alilandaj artoj. En ĝi okazas unikaj eksponaĵoj el Afriko, Azio kaj Eŭropo, pentraĵoj de la hispana baroka pentrarto, Rembrand, modernaj aŭtoroj kaj Nikolao Rjorih. Sude de ĝi en la Pentroarta Akademio, oni studas ikonpentrarton, restaŭradon, pentrarton, skulptarton, scenejgrafion k.a.

Alia vidindaĵo de nia ĉefurbo : la Nacia teatro “Ivan Vazov” fondita en 1904 kaj finkonstruita en 1907. La interno de la teatro estis renovigita du foje – post fajrego en 1923 kaj inter 1970 – 1976. La salono kun du balkonoj entenas 850 sidlokojn kaj havas du kamerajn sceneĵojn respektive kun 150 kaj 100 sidlokoj. En la teatro laboras la plej bonaj aktoroj kaj reĝisoroj de la lando, certaj el ili famaj en Eŭropo.

La konstruaĵo de la Popola parlamento estis finita en 1884 kun frazo inskribita sur la ĉefa fasado “La unuiĝo faras la potencon” – noda elemento en la nacia blazono de Respubliko Bulgario. Vidalvide al la konstruaĵo de la Parlamento staras monumento de la caro Liberiganto de Bulgario (1905 ) – rusa caro Aleksandro la 2-a. Okcidente de la parlamento-konstruaĵo troviĝas la Bulgara akademio de la sciencoj, fondita en1869 kaj, oriente trans la ĝardeneto – la Sofia universitato “Sankta Kliment Ohridski”. Ĝi estas la unua supera lernejo fondita en Bulgario en 1888, konstruita en 1925 per propraj financoj de la fratoj Evlogi kaj Ĥristo Geogievi, kies statuoj ornamas la ĉefenirejon de la universitato.

La rusan preĝejon “Sankta Nikolao” oni vidas de malproksime pro ĝia

pinta oruma supro. Rusaj elmigrintoj konstruigis ĝin en 1912 – 1914. Belega majoliko, ikonoj russtilaj (inter ili preciza kopiaĵo de Sankta Nikolao Ĉudotvorec, miraklofaranto), ornamas ĝin. Oriente de ĝi troviĝas la Naturscienca muzeo, alloganta per sia unika kolekto de mumiigitaj kaj vivantaj reprezentantoj de la flaŭro kaj faŭno.

La Nacia etnografa muzeo prezentas riĉan kolekton da nacikostumoj, mane ellaboritaj artverkoj, instrumentoj de la laboro, antaŭ tri eĉ kvar jarcentoj, juveloj, broditaj ŝtofoj kaj aliaj objektoj, tipaj de la bulgara popolstilo kaj kulturo. Ekspoziciitaj estas modeloj de la bulgaraj domoj kaj vivrimedoj, maskoj kaj kostumoj de la festotaga rita kalendaro de la lando. Ĉe la muzeo kaj galerio du malgrandaj butikoj disvendas bildkartojn, albumojn, memoraĵojn, ikonojn, popolan muzikon kaj mane ellaboritajn unikaĵojn, originalaĵojn de la popolarto.

La Nacia pentroarta galerio kaj la Etnografa muzeo troviĝas en la eksa cara palaco, konstruita en 1873 dum la regado de Aleksandro Batenberg. Nacia pentroarta galerio enhavas kolekton de pli ol 12 000 artverkoj, la plej malnovaj de la 18-a jarcento. Malproksime staras la konstruaĵo de la Bulgara nacia banko. Senpere ĉe ĝi eksa turka moskeo, konstruita sur detruita de la turkoj kristana preĝejo, gastigas la Arĥeologian muzeon.

En la centro mem de la ĉefurbo, en la interna korto de la Prezidentejo kaj hotelo “Ŝeraton” troviĝas la famekonata romia rotondo, transformigita en preĝejo “Sankta Georgo” dum la 4-a jarcento. Restaŭrigita, ĝi mirigas nin per sia simpleco kaj perfekta arĥitekturo, esprimplenaj restaĵoj de freskoj kaj per tuta komplekso de ruinaĵoj malantaŭ la altaro. La placo ĉirkaŭ la Centra vendohalo estas ankaŭ riĉa je vidindaĵoj : la Vendohalo (1911 ) kovrita bazaro, la moskeo (1576 ), oriente de ĝi - la Banejo (1913 ), romianaj ruinaĵoj norde kun la anguleca turo de la fortikaĵo de Serdika, la Sinagogo (1909 ) okcidente de la Vendohalo. En la subpaŝejo de CUM sude de la Vendohalo trovigas la preĝejo "Sankta Petka Samarĝijska”.

La monumentoj en Sofio estas multaj, la plej ŝatata kaj agnoskita de ĉiuj Bulgaroj, la monumento de la Apostolo de la libereco Vasil Levski (1895) staras sur lia ekzekutloko. La Rusa monumento troviĝas okcidente de la centro de la urbo kaj ĝi estas dediĉita al la rusa caro kaj pereintaj rusaj soldatoj en la batalo por la liberigo de Bulgario. La Kuracista monumento, dediĉita al la pereintaj kuracistoj de la rusa armeo, staras en la ĝardeno malantaŭ la Popola biblioteko. La monumentoj de la socialisma tempo postrestas kiel grandaj kaj interesaj partoj de la pasinteco de la lando : la Monumento de la Soveta armeo, sude de la Sofia universitato kaj la Monumento de la libereco en la Borisa ĝardeno, kronigita per granda sago.

La monumento de la kreintoj de la bulgara alfabeto sanktaj Kirilo kaj

Metodij staras antaŭ la Popola biblioteko. Pluraj pontoj en Sofio rimarkindaj : en direkto al la Centra fervojstacio kun kvar leonoj starantaj sur la altaj piedestaloj ; Orlov most (Agla ponto) sur la rivero Perlovska en la komenciĝo de la bulvardo “Carigradsko ŝose” – la vojo al Plovdiv kaj Istambul, kun kvar bronzaj agloj, rigardantaj al la kvar direktoj de la mondo, sur 12-metrajn altaj apogkolonoj. De ĝi en sudorienta direkto situas la Borisa ĝardeno.

Kiel vidindaĵoj de la urbo povas esti vizitataj ankaŭ la stratoj “Graf Ignatiev”, “Rakovski” kaj bulvardo “Vitoŝa”. Strato “Graf Ignatiev” de oriento okcidenten komenciĝas per la Perlovskia most (Perlovska ponto) ornamita per figuroj de laboristoj kaj kamparanoj, demonstrantaj amikecon inter la bulgara kaj la rusa popoloj. Multe da vendejoj troviĝas dekstre kaj maldekstre ĝis la stratkruciĝo bulvardoj “Patriarko Evtimij” kaj “Vasil Levski”, sur kiu staras la monumento de Patriarko Evtimij, literaturisto kaj pastoro de la fino de la XIV-a jarcento. Dekstre, irante okcidenten, etendiĝas ĝardeneto kun preĝejo “Sveti Sedmoĉislenici” (Sanktaj Sepnombruloj).



*Nacia banko en Sofio*

Sur la stratkruciĝo kun strato “Rakovski” la placo “Slavejkov”, antaŭ la konstruaĵo de la Urba biblioteko donas lokon al la plej granda bazaro subĉiela.

Post “Dondukov” sur la deklivo maldekstre staras la konstruaĵo de la Nacia operejo kaj baleto, konstruita en stilo neoklasika. Sur la bulvardo “Caor Osvoboditel” – aŭ la bulvardo de la kaŝtanarboj kaj flavaj pavimeroj – troviĝas la Domo kaj klubejo de la armeo. Sekvas maldekstre sur "Rakovski”: teatro “Salza I smjah” (Larmo kaj rido), hotelo kaj kultur-

domo “Slavjanska beseda” (la plej malnova kulturdomo 120-jaraĝa), “Teatro 199”. Dekstraflanke sur “Rakovski” staras la Teatro de la armeo, la Ministerio pri la financoj, la Nacia akademio por teatra kaj filma arto “Krastio Sarafov”. La bulvardo “Vitoŝa” sterniĝas norde de la preĝejo “Sankta Nedelia”. Sur la bulvardo estas instalitaj dekoj da vendejoj kaj butikoj, kiuj per siaj reprezentantaj montrofenestroj provokas intereson de la pasantoj. En la komenco de la bulvardo dekstraflanke superstaras la Juĝoj Palaco, unu el la plej imponantaj konstruaĵoj en Sofio, impresanta per granda granita ŝtuparo, ornamita per du bronzaj leonoj. Sekvas vendejoj kaj parko, komencanta de la stratkruciĝo kun bulvardo “Patriarko Eftimij”. En la fino de la parko troviĝas la Nacia palaco de la kulturo kun siaj 16 salonoj, la plej granda el ili kun proksime 5000 sidlokoj. Por la ŝatantoj de la bulgara historio, indas viziti la Nacian historian muzeon en la kvartalo Boiana.

La plej interesaj vidindaĵoj ĉirkaŭ Sofio : (Boianskata carkva Boiana preĝejo) kaj Dragalevskiat manastir (monaĥejo). Oni konstruis ilin dum la 13-a, 14-a j.c. en stilo antaŭrenesanca eŭropa.

Vitoŝa montaro, imprese staras super Sofio. Ĝia areo egalas 267 kvadratajn kilometrojn, longas 20 km-ojn kaj larĝas de 10 ĝis 19 km-oj. La montaro altas proksimume 1394 m-ojn kompare kun Rila 1487 m-ojn. Vitoŝa havas 9 pintojn altajn 2000 m-ojn kaj 14 pintojn je super 1 500 m-oj. La montaro estas agnoskita kiel Nacia natura parko por ekskursoj kaj ripozo de la ĉefurbanoj.

La transporta sistemo de la ĉefurbo forte disvolvita konstituas grava parto de la nacia transporta sistemo. En Sofio ekzistas preskaŭ ĉiuj specoj de transporto, sen la mara kaj la rivera. Sofio, la plej grava fervojnodo por la lando, realigas la interligon kun interno de la lando al kvin direktoj. Ekzistas ok fervojstacioj (Centra, Sofia-sever, Ilianci, Poduene, Iskar, Zaharna fabrika, Gorna bania kaj fervojhaltejo Nadeĵda), kune kun lokomotivaj kaj vagonaj deponejoj. En la periodo de januaro ĝis julio 2008 la vojaĝantoj de la Centra fervojstacio nombris 2 323 844, kio konstituis 11,8 % de la komuna nombro de la vojaĝantoj de la fervojreto. Sofio estas ankaŭ sidejo de la Bulgaraj ŝtataj fervojoj. Baldaŭ ekfunkcios la nova aŭtostacio, kiu permesos samtempan ekveturadon al la interno de la lando kaj al eksterlando per 47 ĝis 60 busoj.

La denseco de la loĝantaro en la fino de 2000 jaro : 909.1 homoj je kvadrataj kilometroj. Laŭ la informoj de iuj preseldonaĵoj en Sofio loĝas ĉirkaŭ 1.8– 2 milionoj da homoj. Ĉiun tagon tra la ĉefurbo pasas proksimume 200 000 homoj, 28 – 30 % de la loĝantaro de Bulgario. Laŭ iuj komunumaj prognozoj en 2010 – 2011 Sofio atingos 3 000 000 loĝantojn.

## TUTTAGA EKSKURSO

# B E LO G R A D ĈI K kaj VRACA

### *Pri urbo Belograĉik*

Ĝi distancas je 182 kilometroj nordokcidente de la ĉefurbo Sofio. Kiel unika fortikaĵo, konstruita en la rokoj ĝi allogas turistojn pro la riĉa historio kaj kulturhistoria heredaĵo.

Belogradĉik ekkreskas kiel strategia fortika loĝloko, kreita en la rokoj de la romianoj dum la unua jarcento. La romianoj unuafoje masonas fortikaĵon dum la unua jarcento. Ĝi baras la trapasejon "Sankta Nikolao" kaj samtempe ĝi kuniĝas per vojo kun fortikaĵoj "Bononio" kaj "Montano". Oni masonis du murojn al nordokcidenta kaj sudorienta direktoj. Ili estis 4-5m-ojn dikaj kaj 12 metrojn altaj. 3 plataĵoj en la fortikaĵo verŝajne kunligitaj per lignaj ŝtuparoj permesis la defendadon. En la rokoj estis elfositaj 2 akvorezervujoj je 2metroj diametraj kaj 10 metroj profundaj.

*Belogradĉikaj rokoj*



Dum la XVIII-XIX-aj jarcentoj prosperas forĝeja kaj oraĵista metioj. Post la liberiga periodo Belogradĉik konservis sian metian aspekton, administran kaj kulturan centron.

<u>Urbaj vidindaĵoj :</u>

*Urba historia muzeo* – aranĝita en Panova domo, konstruita ĉirkaû 1810 – tipa renesanca okcidentbulgara arĥitekturo. En la muzeo troviĝas 8 000 eksponaĵoj, montrantaj vivmanieron, metiojn kaj batalojn dum la XVIII - XIX-aj jarcentoj, kontraû la turkoj.

*Astronomia observatorio* - posedas 3 teleskopojn – 1 el ili la plej forta en Bulgario ;  komputorojn. Per ili oni povas esplori Junon, la ringon de Saturno, Jupiterajn satelitojn, Venuson, Stelojn, Galaksion, kometojn k.a. *Preĝejo „ Sankta Georgo“* – konstruita en 1868. *Natur-Scienca muzeo* – posedas pli ol 3 000 florajn kaj faŭnajn eksponaĵojn el nordokcidenta Bulgario. Ĉ*irkaŭaĵoj* – unu el naturaj mirakloj en Bulgario :  la Belogradĉiŝki

skali (rokoj), kiuj ĉirkaŭas la urbon. Belogradĉiŝki rokoj – tiuj ĉi rokoj etendiĝas de okcidento al oriento ĉirkaŭ Belogradĉik, longas 30 kilometrojn kaj larĝas 3 kilometrojn. Multaj rokoj estas ligitaj kun interesaj legendoj. La centra grupo de la rokoj situas sude de Belogradĉik. Ĉi tie la plej interesaj kaj imponaj formitaĵoj : - Adamo kaj Evo, la Lernantino, la Poŝtisteto, Derviŝo la unua plato, la Kameloj, la Fungoj, la Kukolo, la Ruĝa roko, la Madono, Ribelulo Velko, Pina ŝtono k.a. La dua grupo situas okcidente de la urbo.

El la samaj rokoj oni konstruis Belogradĉikan fortikaĵon. Ĝin konstituas eksterordinara kombinaĵo inter natura kaj homa kreaĵo kaj nekredeble belega kaj romantika.En la sabloŝtono kaj kalkoŝtono : pli ol 100 kavernoj – riĉaj je formitaĵoj, abismoj kaj interesa faŭno. La unikaj Belogradĉikaj rokoj okupas la unuan lokon en la monda klasifikaĵo de la pli "Novaj sep naturaj mirakloj" en la kategorio "Kavernoj, rokoj formitaĵoj kaj valoj".

La plej famkonataj el la kaverno, Maguro, kiel unika natura formitaĵo. Kune kun la regiono ĉirkaŭa, ĝi estas agnoskita kiel natura rimakindaĵo.

Kaverno "Magura" - situas en la spino ĉe "Rabiŝka altaĵo"– 25 Kilometrojn distanca de Belogradĉik. La alteco 461 metroj, kaj 80 metrojn malsupre ĝia eniro, la ĝenerala longeco de la kaverno proksime 3 000 metroj. Plej riĉa heredaĵo, lasita de la prahoma loĝantoj : kavernaj desegnaĵoj ; 700 desegnaĵoj igas ĝin ununura en Sudorienta Eŭropo. Ili datumas de la Bronza epoko kaj aĝas 3 000 jarojn. La akvo skulptis fantastikajn formojn, kaj la riĉa homa imago misrekonigis plantaĵojn, bestojn kaj objektojn.

***Pri urbo Vraca***

Ĝi troviĝas je 112 km-oj norde de Sofio.La urbo situas en la sino de Vraca skata montaro.Vraca estas komenca punkto al la roka intermontejo Inter "Vratcata" kaj "Ledenika".

La urbo aperis en la Mezepoko kaj portas la nomon de pitoreska intermonto "Vratcata" apud la rivero Leva. Hodiaŭ Vraca estas konata kiel urbo turista kaj la plej granda en nordokcidenta Bulgario.

La turkoj detruis la urbon Vraca ĝis la tero kaj submetis al sia jugo la tutan loĝantaron dum proksimume kvinjarcent jaroj. La alvenado de la normala turka armeo en Vraca koincidis kun la alvenado de la sciigo por preparo de taĉmento en Romanio frunte al kiu estis Hristo Botev – fame konata bulgara poeto. Poste, la taĉmento sukcese trapasos la limon, do, la urbo Vraca devis ekribeli.

La 1-an de junio 1876 la taĉmento alproksimiĝis al Vraca Balkano, ĝi tuj devis komenci kruelan batalon kun multnombraj malamikoj. Vespere la stabo okazigis kunsidon apud la altaĵo Kamarata. En la momento kiam

Hristo Botev ekstaris por oratori, audiĝis pafo - falis morte vundita la taĉmentestro, la genia poeto kaj revoluciulo. La tagoj post la 1-a de junio estis agnoskitaj kiel tagoj de solenaĵo por la venkintoj.

La rimarkindaĵoj de la urbo :

La etnografa renesanca komplekso "Sankta Sofronij Vraĉanski estas iu el la tre interesaj lokoj de la urbo Vraca. En la historia muzeo, oni povas ekscii multon pri la jarcenta historio de la urbo. La preĝejoj "Sankta Ĉieliĝo" kaj "Sankta Nikolao" allogas grandan intereson por la turistoj kaj gastoj de la urbo.



La rimarkindaĵoj ĉirkaŭe al la urbo :

Natura parko - Vraca Balkano situas prosime de la urbo kaj proponas belegajn kondiĉojn por la turismo. Ci tie troviĝas regiono la plej riĉa je grotoj en la lando. La roka masivo "Vratcata" konstituas impreseman vertikalan muron, altan pli ol 400 metrojn kaj konvenan por roka grimpado.

Roka intermontejo "Vratcata"

"Vratcata" malvasta kaj rokeca intermontejo, situas laŭ la nordorientaj deklivoj de Vraĉanska montaro, distanca de la urbo Vraca je proksimume duonkilometro.

Dum la Romia tempoperiodo ĉi-tie staris alta kastelmuro kun pordego. Ĝi longis 200 metrojn kaj unu metron larĝis. "Vratcata" de multaj jaroj allogas turistojn kaj multajn alpistojn.

Montopinto "Vola" :

La 17-an de majo 1876, en Rumanio ribela taĉmento komandita de Hristo Botev, kaptis la aŭstrian ŝipon "Radecki" kaj navigis sur la rivero Danubo por elŝipiĝi sur la bulgaran bordon en la urbo Kozloduj.

Dum tritaga kruela batalo kontraŭ tro multnombra turka armeo, la taĉmento atingis montopinton Vola en Balkanmontaro, ĝuste je 24 km-oj sudokcidente de la urbo, kie ili devis tranoktadi. Tie, en la regiono "Kamarata" la 1-an de junio vespere, malamikeca kuglo trapikis la koron de la taĉmentestro. En la batalo por libereco de turka jugo pereis iu el la plej indaj filoj de la bulgara popolo. Per sia bravaĵo kaj heroa sinofero kaj per sia tuta verkaĵo Hristo Botev eterne restas vivanta en la koro de ĉiu bulgaro, kiel iam li mem aŭguris per siaj versoj : "Tiu, kiu pereis en la batalo por la libero, li neniam mortas". La tago de lia morto, la 2-an de junio, ne forgeseblas por la bulgara popolo kaj pro tio oni celebras ĝin memore al

ĉiuj, kiuj sin oferis por la libero de Bulgario.

Akvofalo "Skaklja".

”Skaklja” estas iu el la plej altaj akvofaloj en Bulgario. Malpaca, bruanta kaj kristale pura akvo malsuprenfluas de sur 130 metro-alto. La akvofalo impresas per siaj imponeco kaj belpeco.Ĝi situas en iu el la plej pitoreskaj regionoj de la Balkanmontaro, Vraĉanski Balkano, meze de jarcentaj verdaj arbaroj kaj neatingeblaj rokoj, kie eĥas birdaj kantoj, tage kaj nokte melodia voĉo de la griloj.



Vraca

Somere la akvo malplialtigas sian nivelon, sed la ŝprucgutoj, kiuj falas ondforme de sur la oblikvaj rokoj kaj samtempe trarompas la sunradiojn danke al kio en posttagmezaj horoj oni povas ĝui kelkloke la kolorojn de la ĉielarko.

La “Ledenika”

La groto Ledenika troviĝas en la nordokcidenta parto de la Vraĉanska montaro je 16 km-oj de la urbo Vraca. Ĝia enirejo situas en la plej malalta parto de la Ledeniŝkia ovalo, kaj altas 830 metrojn.

*Anastas Jovanović*



La unua halo estas Vestiblo (la plej malalta parto de la groto). Vintre kaj printempe ĉi tiu halo ravas per sia glacie kristala ornamo, pro tio ĝia nomo.

Kelkajn metrojn oni

devas marŝi klinite teren en la trapasejo "Plaznjata" por atingi la malgrandan halon, preskaŭ rondforman kaj post malvasta koridoro, oni eniras Grandan halon (Koncertejon) imponan.



*Vraca*

La plej alta punkto de la groto nomiĝas "La sepa ĉielo", ĝi alireblas nur por plej pasiaj turistoj.

La unuajn vizitantojn oni akceptis en 1961 kaj en 1962 la groto estis agnoskita kiel natura rimarkindaĵo. La temperaturo en la groto varias inter de -7 gradoj C ĝis 15gradoj, la humideco de la aero : 92%.

La faŭno de la groto estas malriĉa:vespertoj, grotaj skaraboj, araneetoj k.a.. Unika nur estas la insecto "Ledenikus" aŭ "Limomalamanto". El la flaŭro oni povas vidi – likenojn kaj muskojn, malforte disvolvitajn.

La trezoroj de la Mogilanska monteto :

Mogilanska monteto : duondetruita teraltaĵo en Vraca, kiu longjarojn elstaradis en la korto de iu domo, preskaŭ en la centra malnovparto de la urbo. Dum la tempoperiodo 1965-1966 oni faris arkeologiajn esplorojn. La arkeologistoj malkovris tri antikvajn tombejojn, trovis arĝentajn, bronzajn ujojn, kaj ankaŭ diversajn armilojn,multajn bronzajn pintigitajn sagojn, ferajn akraĵojn, bronzan kaskon kun tre riĉa kaj orumita ornamaĵo.

Pro la entombigo tre riĉa oni opinias, ke ĉi tie estis enterigita pratrakia princino. La kapo de la juna virino estis ornamita per orakrono, kiu similas al laŭraj branĉoj. La krono el oro pezis 205 gramojn, al ĝi aldonitaj masivaj oraj orelringoj, ornamitaj en la malsupra rando per figuretoj de sfinksoj kaj flaŭraj ornamaĵoj. En alia tombo oni malkovris arĝentajn kai orajn juvelaĵojn, objektojn de argilo kaj oro, pintigitajn fersagojn. La riĉaj trovaĵoj en la trezorejo de Mogilanska monteto validigas la opinion, pri la dinastio reganta dum la 4-a j.c. A.K.



# Fondigo de la Ĉeĥa Fervojista Esperanto Asocio (ĈeFEA)

Laŭ decido de la fondiga membro-kunveno de ĈeFEA mi oficiale informas vin pri la fondigo de la Ĉeĥa Fervojista Esperanto Asocio. Ĝi okazis la 24-an de oktobro 2009 en Česká Třebová dum la kunveno de la estinta Fervojista sekcio de Ĉeĥa Esperanta Asocio.

La nova Asocio estis aprobita pere de ĉeĥa Ministerio por internaj aferoj la 23-an de julio 2009.

Samtempe ni prezentas nian decidon partopreni aktivadon enkadre de IFEF.

Dum la kunveno estis elektita nova komitato de la Asocio :

Prezidanto : Jindřich Tomíšek

Ceteraj membroj de la komitato : Ph Dr A.Abelovská, A. Hasala, inĝ. L. Kovář, inĝ.Z.Polák, L. Špína, Revizoro : A. Klumpar

*Prezidanto de ĈeFEA*
*Jindřich Tomíšek p.m.*

## Naskiĝdatrevenoj

- La 01.06.2009, ***Per ENGEN*** festis sian 85-an naskiĝdatrevenon. Pro lia granda merito, en jaro 1998 li estis nomumita Honora Prezidanto de IFEF.
- La 30.08.2009, ***István GULYÁS*** festis sian 75-an naskiĝdatrevenon. Pro lia granda merito, en jaro 2009 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
- La 08.09.2009, ***Lucien DE SUTTER*** festis sian 85-an naskiĝdatrevenon. Pro lia granda merito, en jaro 1997 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
- La 01.10.2009, ***Ernst GLÄTTLI*** festis sian 85-an naskiĝdatrevenon. Pro lia granda merito, en jaro 2001 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por ilia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

# 17-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo

PINEDA DE MAR 3-10 de oktobro 2009

Jam la 17-an fojon renkontiĝis la verda familio en Hispanio kaj ĝuis agrablan Esperanto- aranĝon en la ĉe-mara urbeto *Pineda de Mar*, kiu situas 55 km-ojn norde de Barcelono. La Semajno estis bone organizita de la triopo: *Luis Serrano, Salvator Aragay kaj Santiago Torné*. Ĉi-jare kolektiĝis 120 samideanoj el 13 landoj. Ni havis plezuron havi inter ni geedzan paron *Norberto Dìaz kaj Yoandra Rodriguez* el Kubo. Ili prezentis al ni sian urbon *Santi Spiritu* kaj invitis la ĉeestantojn partopreni la Universalan Kongreson en Kubo venontjare en julio. Ni ĝuis belan Semajnon en la agrabla etoso de la tri-stela hotelo *Stella* sekvante la programon laŭ la Semajna informilo. Ĝi estis riĉa je eventoj kaj altkvalitaj prelegoj. Dum la dimanĉa inaŭguro bonvenigis nin la urbestro de *Pineda* s-ro *Xavier Amor i Martín* kaj ĉeestis aliaj du funkciuloj de la urbodomo. Ni komune fotiĝis.




*Stano Marĉek* - la redaktoro de la revuo Esperanto - gvidis E-kurson laŭ sia propra instrumetodo. Lia verko estas tradukita kaj eldonita jam en 23 lingvojn. Tre interesa estis prelego pri arboj de s-ro *Guillem Nicolas*. Li klarigis al ni kiamaniere tranĉi branĉojn de arboj por ne damaĝi ilin. Grandan sukceson havis ateliero pri produktado de poŝtkartoj kiun gvidis *Wolfgang Gunter*. Li asertis, ke ĉiu homo estas artisto kaj la rezultoj pravigis tion.

La premio Ada Sikorska-Fighiera estas ĉiujare aljuĝita al la plej meritplena persono en la E-agado. La unuan fojon ĝin ricevis virino - *Katalin Kováts* konata de ni ĉiuj kiel fervora esperantistino pri instruado kaj edukado de instruistoj. Surloke ŝi disdonis diplomojn al 2 sukcesintoj en la ekzamenoj faritaj dum la UK en Bjalistoko. Ŝi ankaŭ parolis pri la nova ekzamensistemo, prezentis filmeton rememore al forpasintoj kaj tre interese kaj detale prezentis al ni nederlandan pentriston *Vincent Van Gogh*. Li estas ŝia pasio. Ni multon eksciis pri la vivo de tiu fama artisto.

Alia interesa prelego temis pri la natursciencaj vortoj en PIV fare de tre sperta fakulo pri pluraj sciencoj, sed ĉefe pri biologio - *Claude Roux* el Francio. Li okupiĝis

pri reviziado de la Plena Ilustrita Vortaro. Li konsilis ke estu enkondukitaj en ĝi mankantaj fakaj vortoj, malaprobis arkaismojn. Li atentigis nin pri la bona uzado de kelkaj kutimaj vortoj. Dr-ino *Rafaela Urueña* tre serioze parolis pri la tutmonda klimatŝanĝo, pri ĝiaj konsekvencoj kaj la danĝero por la tuta homaro. Ŝi klarigis, ke la ekologia sistemo malekvilibriĝas pro tiu fenomeno kaj kaŭzas katastrofojn. Iom distra estis prezento pri Venezuelo fare de *Liba* (folklore vestita) kaj *Floreal Gabalda*. Ili prezentis serion da bildoj kaj du filmetojn. La ekspozicio de kelkaj artaĵoj, libroj, muzikiloj, kaj gustumado de *gojav*-dolĉaĵo kompletigis tiun plaĉan prezenton.

Dum la renkontiĝo ne mankis vesperaj programeroj. En du interkonaj vesperoj ni gustumis ĉampan-vinon kaj bongustaĵojn interbabilante kun konatuloj kaj novuloj. Dum alia vespero estis prezentita la opero *Nabucco*. Dum debato, la temo "Ĉu la estonteco de Esperanto troviĝos en Afriko" estis multe pridiskutata. *Luis Serrano* ankaŭ gvidis vesperon en kiu oni rajtis esprimi siajn opiniojn pri la Semajno, doni ideojn aŭ plendi. Sed estis ĉefe pozitivaj kaj laŭdaj vortoj. La plej ŝatata programero okazas ĉiam la lastan vesperon. Ni ĝuis muzikon de la konata ensemblo "Montjuic" kaj gustumis "cremat". Ĝi estas kataluna specialaĵo el spicita kaj bruligita rumo.




*Liba folklore vestita prelegas pri Venezuelo*

La tri ekskursoj konatigis nin kun aliaj partoj de Katalunio. La unua, duontaga celis laŝtonan urbeton *Peratallada*. La dua, aŭtomuzeon en *Sils*. Impresis vastega kolekto da malnovaj aŭtomobiloj. Ĉiuj eksponaĵoj laŭdire estas funkciantaj. La tuttaga ekskurso gvidis nin al la urbo *Terrasa*, kie ni vizitis muzeon pri Sciencoj en Katalunio. En la urbo *Moia* ni haltis ĉe la strato Esperanto kaj trarigardis privatan biblioteko-muzeon de *Ramon Molera*. Poste ni vizitis muzeon pri la historio de Katalunio.

*Fotis kaj aranĝis Liba kaj Floreal Gabalda*

# La granda sukceso de la tekniko pri la pez-ŝarĝa transporto de la ĉina fervojo

La 22-an de junio 2009 okazis la 9-a Internacia kunveno de la tekniko pri pez-ŝarĝa transporto en Shanghai, Ĉinio. Estas raportite, ke la transporta kvanto de karbo sur la Datong-Qinghuangdao fervojo-linio atingis 340 000 000 tunojn en 2008, kaj atingos 380 000 000 tunojn ĉi-jare. Tio 3.8-obligos la projektan transportan kvanton. Pro tio la fervojo-linio fariĝis la linio kun la plej granda transporto-kvanto jare en la mondo， laŭdire de la kolegoj tra la mondo.

La linio Datong-Qinhuangdao estas la unua dutraka elektrizita speciala pez-ŝarĝa por karboj. La linio tutlinie funkciis en la fino de 1992, ĝia transporta kvanto atingis la projektitan kapablon da 100 000 000 tunoj en 2002.

La varo-transporta pezigo estas unu el la gravaj tendencoj de la fervoja evoluo en la mondo. La ĉefaj karakteroj de la pez-ŝarĝa var-transporto estas longigo de la trajno, grandigo de la pezo, la tutvoje rekta transporto pergrandkapacite, AK transmisia lokomotivo, la larĝa aksopezo, la malgrandigo de la trajno-pezo. Krome, la konkurenco de la fervojo en la transporta merkato de la mez-kaj long-distanca transporto devas esti altigita.

Ekde 2004 la ĉina fervoja ministerio strebas por la pezan situacion de la karba transporto. La eksperimento pri trajno-trakcio kun 20 000 tunoj estis plene sukcesa la 12-an de decembro 2004.

La funkciigo de pez-ŝarĝa kombinita vagonaro kun 20 000 tunoj sur Datong-Qinhuangdao linio postulas kompleksan sisteman konstruon. Tri ĉefaj teknikaj malfacilaĵoj : “fidindeco de trajna telekomunikado en la montaraj regionoj, perioda bremso sur la longa kaj kruta deklivo kaj laŭlonga impulso por longa kaj peza vagonaro”.

La 2-an de junio 2007 la unua grandkapacita AK transmisia lokomotivo de la tipo“HARMONIO”, projektita kaj farita de Ĉinio estis lanĉita sur la Datong-Qinhuangdao linio. En aŭgusto de la sama jaro sukcese ĝi ekfunkciis. Ĉinio enskribis novan paĝon en la historion de la pez-ŝarĝado en la monda fervojo.

En 2007 kaj 2008 la tutjara volumeno de la Datong-Qinhuangdao linio superis 300 000 000 tunojn kaj 340 000 000 tunojn respektive. Laŭ la internacia teorio pri pez-ŝarĝa fervojo, la maksimumo de la jara kvanto de trafiko estas 200 000 000 tunoj. Nun la fervojlinio superis la transportan maksimumon.

Nuntempe sur la linio Datong-Qinhuangdao veturas la dudek mil-tunaj kaj unudek mil-tunaj pez-ŝarĝaj trajnoj kun la rapideco de 80 km/h. La transporta aranĝo-tipo de funkciantaj 100 paroj da trajnoj tage transportis pli ol unu milionon da tunoj.

Kun la pligrandigo de la rapido de 200-250 km/h de motorvagonaro “HARMONIO”sur la pezaj ĉefaj linioj de Jingguang, Jinghu, Jingha, Longhai ktp, jam ĝenerale funkcias la pez-ŝarĝaj trajnoj kun 5000-6500 tunoj. La

transporta arangô-tipo de rapideco, denseco kaj ŝarĝpezo sur la samaj linioj por la pasaĝeraj kaj varaj trajnoj estas la grava kreado en la fervoja transporto en la mondo.

La 9-a Internacia kunveno de la tekniko pri pez-ŝarĝa transporto okazis unuafoje en Ĉinio. En la kunveno partoprenis pli ol 500 reprezentantoj el diversaj landoj, komercistoj de la fervoja pez-ŝarĝado, produktantoj de la ekipaĵoj, esploristoj de la institutoj kaj reprezentantoj de la projektaj, konstruaj, riparaj entreprenoj pri pez-ŝarĝa fervojlinio. La temo de la kunveno : «KREADO, PRAKTIKO KAJ DISVASTIGO DE LA PEZ-ŜARĜA TRANSPORTO». En la kunveno la teknikaj oficistoj kaj fakuloj el Ĉinio, Usono, Kanado, Aŭstralio, Sudafriko, Rusio, Brazilo, Svedio kaj Indio prelegis. La kunvenantoj vizitis kaj esploris la novajn teknikajn atingojn pri la pez-ŝarĝa transporto de la Datong-Qinhuangdao fervojlinio.

*LI Sen kaj HAN Zuwu*

Se la ĉinaj fervojaj informoj interesas vin, eblas ricevi retan provnumeron de "Ĉina Fervojisto". Pro tio, bonvolu turni vin al :

- la prezidanto LI Sen "gaols720@163.com"
- aŭ la vicprezidanto HAN Zuwu "hanzuwu@hotmail.com".

# Grava alvoko

Pro fino de la laborperiodo, pluraj estraranoj, plejparte de la nuna estraro, ne plu liveros siajn fortojn al la destino de nia Federacio.

Pro tio, estas bezonate, ke **novaj estraranoj** sin pretigu investi energion por vivigi nian Federacion,

Bonvelemuloj, bonvolu vin turni al nia ĉefkomitatano :

Jindřich Tomíšek
CZ-751 18 Řikovice 33.
Retadreso : "tomisek.ck@seznam.cz"

**Ĉiuj interesantoj estas invitataj partopreni la specialan kunvenon okazontan merkredon 24-an de marto 2010 en Nantes (tuj post la fino de la nacia franca fervojista kongreso).**

# Aŭstro partoprenis kongreson de varmeco en Montecassino !

Pri mia aparta motivo mi verkis jam en mia antaŭkongresa raporto pli detale. Konvenis la okazo de la itala nacia Esperanto-Kongreso ĝustaloke – en Montecassino! Montecassino ja "famiĝis" en la Dua Mondmilto, atingante la kvinan "teruran" gradon! Antaŭ 65 jaroj – 18-jarulo - mi ĝisvivis tie la inferegon. Priskribi ĉion ĉi apenaŭ eblas – kaj tutcerte ne en limigita artikolo. Kion signifas vera milito ja povas kompreni nur samsortuloj! "Dio kun ni" (Gott mit uns) estis skribite sur niaj zonaj bukoj! Ĉu ne ironio, konsiderante ke ĉiupaŝe frontis nin la morto – aŭ ĝuste pro tio?



*Montecassino*

Tri ekstremaj travivaĵoj okazis al mi en kaj proksime al Montecassino! Tiam evidente Dio kaj gardanĝelo akompanis min. Temus pri vere tro ampleksa raporto! Kaj ĉu serĉi realajn klarigojn? Konkretaj lokoj ne plu troveblas, sed certe la kavernoj en la proksima montaro ankoraŭ ekzistas!

Nun mi povas limigi min al la realigo kaj vidpunkto de eksterlanda partopreninto, kiu cetere jam spertis multnombrajn diversajn aranĝojn. Legintoj de mia antaŭkongresa raporto jam scias kaj certe pli bone komprenas la kialon. Cetere, post la realigo de tiu ĉi evento, mi povas tuŝi pli libere miajn iamajn travivaĵojn kaj konforme raporti pri la nunaj impresoj. Sekve persekutis min krom psikaj ankaŭ fizikaj problemoj. Nur persiste mi fine privenkis ilin! En postmilitaj kursoj mi kontaktis prelegantan psikologon, kiu avertis min viziti tiujn "memorindajn" lokojn? "Gastaman" akcepton mi ne atendu, rememorante la spertojn en Skandinavio, kie mi volis nur foti tombojn de falintoj, laŭ deziro de parencoj. Jam, post ke mi petis informojn, mi tie renkontis - ne nur nordan - „froston"! Surprize inversa estis la atmosfero en Montecassino! Ne nur la regantaj temperaturoj, ĝis 39°, sed antaŭ ĉio la homeca varmeco kortuŝis min. Aliĝinte la italan E-kongreson, mi esperis je helpo de miaj italaj geamikoj ! Montriĝis, ke ne hazarde agadis/as italoj en la prezidio de UEA. D-ro **Renato Corsetti, Michela Lipari**, **Edvige Ackerman**, la ĉefdelegito **Mario Amadei**; krome partoprenis la Honora Prezidanto de IFEF, d-ro **Romano Bolognesi**! Entute agadas tre kapablaj ges-anoj en IEF.

En TV brile okupis la "bonŝancan lokon", s-ino **Laura Brazzabeni.** *Efika publika reklamo***!**

Gastpreleganto estis la eminenta polo, s-ro **Roman Dobrzynski.**

LKK prezentis tre riĉan programon, kiun la partoprenantoj vigle profitis – eĉ nokte! Dokumentas ĉion la kongresa raporto/protokolo de la LKK-prezidanto d-ro Renato Corsetti! En ĝi li cetere nomis min, "Stelo de Montecassino"! Sed mia stelo ekbrilis nur dank' al la sindona subteno de la jam cititaj geamikoj. Por atingi mian celon "Monte Cifalco" – nun kovrita plejparte arbare - mi interesiĝis pri la busa horaro. Tie mi ja pasigis milite preskaŭ 2 monatojn - pli-malpli ŝirmita - en kaverno(j).

Triestino, Edvige Ackermann, solvis la aferon pli praktike, dank' al la bonvolemo de s-ino Michela Lipari, kiu ĉeestis aŭtomobile. Evidente ŝi posedas ankaŭ sepan senson, ĉar ŝi trafe demandis pri mia celo policanon, kiu montriĝis ege afabla kaj prizorgis eĉ kompetentan gvidanton, kiu venis per propra aŭtomobilo. Temas pri la zorganto de la germana milittombejo – s-ro **Walter Janetta!**

Kiel germanparolantoj ni du daŭrigis per lia aŭtomobilo surmontan ŝtonegan vojon, kiun ni frekventis siatempe piede, plejparte pli rekte - iom helpe de muloj. Malgraŭ la duboj de la germano, Michela Lipari brave sekvis nin eĉ kvarope: kun Edvige Ackermann, d-ro Romano Bolognesi kaj Roman Dobrzynski. Ĝenerale li ne alte taksas ŝoforinojn, sed Michela estas laŭ li "escepto" , konsiderante la aĉan alpan vojon! Post la prezento de la kunveturantoj li konfesis al mi, ke tian unikan grupon li ankoraŭ neniam renkontis! Atinginte la kavernojn, kiujn mi ekkonis, s-ro Roman Dobrzysnki – krome konata pola filmisto – tuj ekagis! Jen sekvanta surprizo, al kiu mi tute ne estis preparita. Mi do respondis kaj rakontis ĉion laŭ "konservita memoro"! Kvankam laŭ la iamaj konsiloj de psikologo, mi strebu forgesi ĉiujn tiujn travivaĵojn! Kaj revizitante la lokojn oni povas refali en la saman staton! Sed mia akcepto, akompanado de helpemaj geamikoj okazis en vera senco de "varmeco"! Do ne restis ŝanco al "refalo"! Ja ankaŭ la civitanoj de la tuta regiono estas mirinde afablaj! Konsiderante ĉion ĉi, mi supozeble revenos al la maja memorkunveno, al kiu gastame invitas la urbestro de Montecassino!



Eble mi renkontus "iaman konaton"? Sed ĉiukaze la nuna Montecassino mem valoras reviziton!

Kiel Honora Membro de IFEF, mi nur bedaŭras ke ĝi koincidos kun la 62-a IFK, okazonta en Sofio! Kion fari? Gratulon al IEF kaj refojan dankegon al ĉiuj!

*Martin Stuppnig*
*Esperantostr. 7/1*
*AT-9601 Arnoldstein*
*>mastuppnig@gmx.at<*

# Ekspozicio omaĝe al la 100-jariĝo de la esperanta fervojista movado.

La 9-an de oktobro 2009 okazis en la Esperanta muzeo Svitavy, Máchova alej 1 solena malfermo de ekspozicio dediĉita al la grava datreveno de fervojista esperanta movado. La solenaĵo okazis enkadre de jarkonferenco de Ĉeĥa Esperanta Asocio kiel inaŭgura programero. Sur diversaj tabloj, vitrinoj kaj ŝrankoj estas prezentitaj dokumentoj, libroj, vortaroj, fotografaĵoj kaj aliaj vidindaĵoj prezentantaj la centjaran historion de nia movado. Unikaj estas kelkaj numeroj de "Fervoja esperantisto" el jaroj 1911 kaj 1913. La ekspozicion kompletigas apartaj afiŝoj kun trarigardo de la movada historio en koncizaj punktoj kaj prezento de postmilitaj IFEF kongresoj. La ekspozicion estas eble viziti ĝis la fino de la venonta jaro.




Aparta parto de la ekspozicio estas dediĉita al infandesegnaĵoj kun fervoja temo. Dum la konferenco estis prezentitaj aŭtoroj de la plej belaj desegnaĵoj, kiujn elektis komisiono de organizantoj. Siajn laborojn tie prezentis entute 25 infanoj el 10 landoj.




Dum la konferenco de ĈEA okazis ankaŭ honorigo de meritindaj membroj de la Asocio okaze de la 40-jara datreveno de ĝia fondigo. Inter ili ankaŭ niaj kolegoj, nome inĝ. Zdeněk Polák kaj Ladislav Špína.

*Ladislav Kovář*

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco, aŭ per FISAIC-medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiujn ricevintojn !
Tial ni jam publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora « Patrona Komitato de IFEF ».

### Honora Prezidanto

| | | Jaro |
|---|---|---|
| Engen Per | Norvegio | 1998 |
| Bolognesi | Romano | 2009 |

### Honoraj Membroj

| | | |
|---|---|---|
| Kruse Elfriede | Germanio | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | 1988 |
| Olsen Henning | Danlando | 1995 |
| Barnickel Willem | Germanio | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | 1999 |
| Patay János | Hungario | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | 2001 |
| Eggenberger Gertrud | Svisio | 2004 |
| Schindler Heinz | Germanio | 2005 |
| Robiolle Pierre | Francio | 2007 |
| Stuppnig Martin | Aŭstrio | 2008 |
| Gulyás Istvan | Hungario | 2009 |

### Honora membro de FISAIC

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter Lucien | Belgio | 1998 |

### Honorigitoj per FISAIC-medalo speciala

| | | | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Aŭstrio | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |

### Honora Patrona Komitato de IFEF

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de la fervoja direkcio de Katowice | 1987 |
| Inĝ Vojtěch Zelenka | Ĉeĥio | Direktoro de la fervoja direkcio en Ĉeĥio | 2003 |

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*62-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

# Niaj mortintoj

Kun profunda doloro ni informas vin, ke :

- ***Per Johann Krogstie*** forpasis la 4-an de novembro 2009.

Plurfoje li organizis IFEF-eventojn en sia lando

En 2007, Per Johann Krogstie ricevis distingon pri Honora Membro de IFEF

- ***Lajos Sleiner*** (1924 – 2009), forlasis nin la 13-an de oktobro 2009. Subite forpasis nia hungara kolego: Lajos Sleiner, malnova membro de IFEF kaj sekretario de la fervojista grupo en urbo Győr. Li aktiviĝis en la movado en jaro 1963 kaj poste partoprenis kelkajn en- kaj eksterlandajn IFEF-kongresojn.



En 1989 li ricevis la ”Honorinsignon” de la Hungaria Esperanto-Asocio. La entombigo kun sankta meso okazis en la preĝejo ”Szent Kamillus”. Partoprenis ĝin krom la familianoj ankaŭ la lokaj esperantistoj kaj nia malnova amiko Martin Stuppnig el Aŭstrio. En nia koro ni gardos la memoron pri la vigla, entuziasma vera esperantisto Lajos Sleiner.

Ke ili ripozu en paco!

*IFEF kondolencas al ilia familio.*